- 4 -02- 1994

**INTERNACIA JURNALISTO 1-2/94**

organo de **TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)**

# Ni devas lerni el fiasko

**Unua seminario de TEĴA sen kontentiga partopreno**

La seminario pri „Ĵurnalismo en oriento kaj okcidento" ja okazis, sed efektive ĝis la lasta momento TEĴA-prezidanto S. Maul ne sciis, ĉu entute realigi aŭ prefere nuligi ĝin pro nesufiĉa partoprenantaro. Aliflanke, por ne seniluziigi tiujn, kiuj tamen venis, precipe ne kompatindajn ruslandanojn alvojaĝintajn en ege komplikaj kondiĉoj, kaj por ne vanigi la zorgemajn preparojn, ni decidis okazigi la seminarion, eĉ se evidente ĝi fiaskis laŭ la eksteraj kriterioj.

Ĉi-loke decas aparte danki al *Milan Zvara*, estro de l' Esperanto-Centro Poprad, kiu spite al tio bonege zorgis pri la kelkaj seminarianoj, sciante ke la centro ne povas multe profiti per la seminario.

Kio okazis? Kial spite al multaj personaj invitoj kaj malgraŭ buŝaj promesoj dum la UK en Valencio ne venis pli multaj al Poprad? Unu problemeto estis koinicido kun tielnomataj *Agotagoj* (dum kiuj oni agitis parte kontraŭ ĵurnalistoj...) en pluraj urboj, pri kio TEĴA ne sciis kaj konsciis antaŭe. Tamen pro tiu ĉi koincido nur du personoj lastmomente nuligis partoprenon. Aliaj aliĝintoj devis rezigni pro diversaj kialoj, sed entute la nombro de tiuj, kiuj montris emon veni, estis ege malgranda. Probable alia problemeto estis, ke nur post la UK en Valencio (kie ni povis definitivigi la planon) TEĴA povis dissendi invitilojn.

**Ĝenerala manko de intereso**

Sola ebla konkludo el tio povas esti: Mankas ĝenerala intereso de gekolegoj pri tia fak-tema seminario. Konsekvence do la estraro ne plu organizos seminariojn.

Tamen, en si mem la seminario estis sukceso kaj profita por la partoprenintoj. Unu el ili, *Giuseppe Valente*, skribis en sia raporto en *La Eta Gazeto* i. a.: „Ne-ĉeestantoj dufoje malpravis pri sia *kruda* senintereso. Unue, ĉar ili certe malcelis gravan kunvenon, maloftan okazon de renkontiĝo inter fakuloj pri tiu aparta kampo de informado, kiu estigas la eksteran bildon de Esperanto. Kiel ili kuraĝas daŭre estri gazeton? Due, ĉar ilia konduto tute vanigas la strebadon de TEĴA, ĉiukaze organizaĵo en kiu ili ariĝas."

**Altnivela faka aranĝo**

Lia sperto estas tiu de ĉiuj seminarianoj, kiuj poste ne bedaŭris la okazigon kaj personan streĉon, ĉar sendube estis altnivela faka aranĝo. Por ke aliaj, neĉeestintoj, almenaŭ iom povas profiti el ĝi, ni aperigas en tiu ĉi numero parte la prelegojn. Tamen la diskutadon - kiu estis ne malpli grava ol la prelegoj - ni kompreneble ne povas dokumenti detale. sm

## ENHAVO

*KOLOFONO*

**INTERNACIA ĴURNALISTO**
Organo de

TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)

Aperas 4foje dum jaro.

Redakcio: Stefan Maul, Pferseer Str. 15, D-86150 Augsburg, Germanio, tel./telefakso (49) 821 / 520385
Redaktofino de ĉi tiu numero: 23 dec 93



Artikoloj signitaj prezentas la personan opinion de l' aŭtoroj kaj ne nepre kongruas kun la opinio de l' redakcio.

Administrado: Flandra Esperanto-Ligo (FEL), Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen, Belgio.

*Verantwoordelijke uitgever:* Paul Peeraerts, Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen

Kompostata per Atari Signum 2. Presata de Flandra Esperanto-Ligo.

ESTRARO DE TEĴA:

Prezidanto: Stefan MAUL, Pferseer Str. 15, D-86150 Augsburg, Germanio

Vicprezidantoj: Paŭlo GUBBINS, 3 Arden Court, Mossley, Congleton, Cheshire CW12 3JH, Britio

Aleksander KORĴENKOV, p. k. 162, RUS-620014 Jekaterinburg - 14, Ruslando

Ĝenerala Sekretario: Evgeni GEORGIEV, Baĉo Kiro 35/II, BG-1202 Sofia, Bulgario

Kasisto: Dino FABRIS, Borgo Bassano 1, Box 49, I-35013 Cittadella (PD), Italio

Estraranoj:
Davor GRGAT, Stepinĉeva 29, HR-58000 Split, Kroatio

Lech KOSIENIAK, ul. Piekna 16 b/9, PL-00539 Warszawa, Pollando

ARBITRACIA KOMISIONO
István ERTL, Andreo PETTYN, László SZILVÁSI

LABORKOMISIONO pri trejnado de ĵurnalistoj: Estro P. Gubbins (adreso supre)

LANDAJ SEKCIOJ:
Bulgara TEĴA-sekcio: Mariana EVLOGIEVA, PK 18, Drushba-2, BG-1582 Sofia
Pola TEĴA-sekcio: adreso de estrarano Kosieniak
Ruslanda TEĴA-sekcio: Irina KIRINA, pk. 1833, RUS-625048 Tjumenj-48

**Membrokotizo:** 30,00 germanaj markoj aŭ 21 usonaj dolaroj jare

## TURKIO

# 156 leĝoj kontraŭ ĵurnalista libereco

**Ankoro. - La turkia gazetara konsilio apelaciis al ĉiuj institucioj de la lando, plene garantii ĵurnalistan liberecon.**

Oktaj Eksi, prezidanto de l' konsilio, en deklaro, kiun publikigis meze de decembro 1993 turkaj ĵurnaloj, konstatis ke en Turkio ekzistas 156 leĝoj kaj preskaŭ 900 ediktoj „por subpremi la gazetaron". „Ĉiu ajn kaj ĉiuj institucioj estas alvokataj, liberigi nian landon el tiu ĉi hontinda situacio," oni povis legi en la deklaro.

Eksi, ĉefkolumnisto de amasĵurnalo *Hirijet*, atentigis krome ke momente 55 ĵurnalistoj estas arestitaj en Turkio, „kie okazas la plej multaj ĵurnalisto-murdoj kaj kie ekzistas la plej severaj karcer- kaj mon-punoj kontraŭ ĵurnalistoj".

Kialo de l' deklaro estis, ke la turkaj instancoj arestis du ĵurnalistojn, kiuj intervjuis membrojn de neleĝa asocio de milit-kontraŭuloj. Militista tribunalo persekutis la ĵurnalistojn ĉar ili „disvastigis propagandon kontraŭ soldat-servo kaj alvokis al rifuzo de milit-servo". En Turkio rifuzi soldat-servon kaj pledi por tia rifuzo estas malpermesite, sub minaco de drastaj punoj. ▪

## PERSONE

**Andrzej PETTYN**, redaktoro de E-programo de Pola Radio, faris prelegvojaĝon en Germanio, Nederlando kaj Belgio. Li prelegis pri la fenomeno Esperanto en radio, krome havis okazon kapti plurajn intervjuojn; unu el ili estis kun kunordiga redaktoro de *Monato*, **Paul PEERAERTS**.

**Mark T. FETTES**, UEA-estrarano pri informado, havas novan adreson: 695-B King Edward Avenue, Ottawa, Ontario, Kanado K1N 7N9.

**Jozefo MAJOR**, multjara redaktoro de *Nov-Zelanda Esperantisto*, mortis la 11an de aŭgusto 1993, 89jara, nelonge post revizito al Hungario, lia naskiĝlando.

## OFICIALAJ INFORMOJ de la TEĴA-estraro

● **Ĉu vi pagis vian membro-kotizon 1994?** Ĝi ekde 1994 estas por okcidentaj landoj **30,- germanaj markoj** (DEM) aŭ egalvaloro (ekzemple 21,- usonaj dolaroj).
Membroj de landaj sekcioj kiel antaŭe pagu kotizon al la sekcio. Individuajn membrojn en orient-eŭropaj landoj la estraro petas urĝe - se iel eble - pagi kotizon de minimume 5,- **germanaj markoj**; se vi havas eblecon, helpe de okcidenta valuto, per konto okcidenta (ekz. ĉe UEA), helpe de amikoj k. s. pagi pli altan aŭ plenan kotizon de 30,- DEM, bonvolu fari tion. TEĴA kalkulas je via solidareco!

● **Nur 3 numeroj de IĴ en 1994.** Kiel ni jam atentigis antaŭe, en 1994 aperos nur 3 numeroj de nia organo *Internacia Ĵurnalisto*, el kiuj ĉi tiu estas duobla numero 1-2/94. Kvazaŭ kvara numero estos la jarlibreto de TEĴA, kiun membroj ricevos senpage.

● **Dankon pro donacoj.** Intertempe multaj TEĴA-anoj, kiuj parte ne konsciis pri siaj ŝuldoj, pagis kotizojn. Pluraj grandanime donacis konsiderindajn sumojn, por ke TEĴA povu pagi sian ŝuldon. Ĉe redaktofino de tiu ĉi numero ni ankoraŭ ne havis superrigardon, sed scias ke ne sufiĉas la donacoj por kovri la deficiton. Ni do daŭre petas donacojn.

# Milito unue mortigas la veron

## La komunika blokado de la sieĝata Sarajevo

**Laŭdire okaze de milito la unua viktimo estas vero kaj pli precize la vera informaĵo. La aktuala milito en Bosnio plene konfirmis tion.**

Kvankam kiel komencon de agreso al Bosnio oni konsideras la daton de armita atako al Sarajevo la 5an de aprilo 1992, ĝi efektive komenciĝis per atako al informa sistemo de Respubliko Bosnio-Hercegovino. La lan de aŭgusto 1991 paramilitistaj trupunuoj de SDS (serba nacionalista partio) okupis radio-televidan relajsan stacion sur montaro Kozaro, proksime de Banjaluko (okcidenta Bosnio) kaj anstataŭigis signalon de TV Sarajevo (TV Bosnio-Hercegovino) per signalo de TV Beogrado (TV Serbio).

### Detrui televidan sistemon

La agresintoj bone sciis, ke televido hodiaŭ estas la plej potenca amaskomunikilo. Informojn peritajn de ĝi oni plej multe fidas, ĉar krom aŭdi oni povas okazintaĵon ankaŭ vidi.
La televida sistemo de Bosnio-Hercegovino estis zorge organizita. Por kovri tutan teritorion per ĉefa ŝtata studio TV Sarajevo, oni konstruis 10 potencajn relajsajn staciojn (RS) en ĉiuj regionoj de la respubliko plus - pro geografia formo de la tereno - 120 tv-ripetilojn, tiel ke preskaŭ al ĉiu vilaĝo en montaroj oni ebligis spekti tv-programon.
Dum la milito en Kroatio (aŭgusto 1991 - februaro 1992), TV Sarajevo klopodis objektive informadi, plej ofte lasante pri la sama evento raportojn kaj de kroata kaj de serba televidoj. Tio ĉiam ĝenis ambaŭ, precipe serban flankon, ĉar multaj militantoj estis rekrutitaj el serba kaj kroata popolo vivanta en Bosnio-Hercegovino, kaj krome en la lasta fazo estis preparoj por serba-montenegra agreso al Bosnio.
Depende de evoluo de milito en Kroatio, unue suferis televidaj objektoj ĉe la kroata landlimo. En RS Leotaro (malantaŭe de Dubrovniko), kiu kovras sudorientan Hercegovinon (suda Bosnio), jam je 12a de januaro 1991 estis ŝanĝita signalo de TV Sarajevo per signaloj de TV Montenegro kaj TV Serbio. Tiutempe ĝuste el tiuj partoj de Serbio kaj Montenegro estis mobilizitaj plej multaj soldatoj por milito en Kroatio. Same RS Liĉka Plješevico, komuna objekto de TV Kroatio kaj TV Bosnio-Hercegovino kovranta Dalmation, Likon kaj okcidentan Bosnion, estis okupita je 28a de oktobro 1991 de serbaj trupoj kaj la signalo transigita al TV Serbio.

### Unu stacio post alia

Pluevoluon de la milito en Bosnio regule antaŭis okupo de tv-relajsaj stacioj. Komence de marto 1992 estis brutale atakita norda Bosnio, sed jam je 3a de februaro 1992 oni metis sub (eksjugoslavian = serban) armean kontrolon tiean RS Bocelj ĉe Dobojo, kaj je 22a de marto

OSLOBOĐENJE

BOSANSKOHERCEGOVAČKI NEZAVISNI DNEVNIK

SARAJEVO
GODINA L
Broj 16031

Ponedjeljak, 1. februara/veljače 1993. godine

Cijena 500 BHD

UREDUJE REDAKCIJSKI KOLEGIJ • direktor Salko HASANEFENDIĆ • glavni i odgovorni urednik Kemal KURSPAHIĆ

PREDSJEDNIK ALIJA IZETBEGOVIĆ SE VRATIO U SARAJEVO

SUDBINA U SVOJIM RUKAMA

Na čelu bosansko—hercegovačke delegacije u Savjetu bezbjednosti biće Haris Silajdžić • Putevi povratka: prognani što prije u svoje domove, a odgovorni ljudi iz državnog vrha na radna mjesta u Sarajevu

U času kada se očekivalo da će predsjednik Alija Izetbegović sa bosanskohercegovačkom delegacijom centralizovane, ali ne ni federativne ni konfederativne. To rješenje isključuje bilo kakve posebne nacio- može rezultirati jednim demokratskim ustavom.

U nastavku konferencije za štam- naše strane i uvažava geografske, ekonomske, komunikacijske pa i etničke kriterije i na osnovu nje smatrali smo da bi bile moguće funkcional- novišta. To će učiniti gospodin Silajdžić, naravno, ukoliko ne naiđe na gluhe uši. Ako to bude slučaj, onda ni moj odlazak nije potreban.

*Fariĝis mondfama: ĵurnalo Oslobodjenje, represita plurfoje en okcidento (reduktita formato).*

1992 RS Trovrh ĉe Goraĵdo (orienta Bosnio) kaj je 28a de marto 1992 RS Veleĵ en montaro super Mostaro (Hercegovino), kiujn landopartojn oni furioze atakis monaton poste.
Ĝis aprilo 1992 oni ne ĉiam klare sciis, kiu atakas kaj okupas relajsajn staciojn. Ĉu temas pri „paramilitistaj grupoj de SDS", pri „armeaj trupoj ekster kontrolo" aŭ simple „ribelinta serba popolo kontraŭ program-politiko de RTV BH". Post atakoj al RS Majevica, montaro super Tuzlo en nordorienta Bosnio je 10a de aprilo 1992, la armeaj ĉefoj promesis „postuli pri tio informaĵon de komandejo de la korpuso de Tuzlo" - neniam plu menciitan. Sed nur semajnon poste, lan de majo 1992, la eksa jugoslavia armeo malkaŝe tion faris atakante RS Vlaŝiĉ, kiu kovras mezan Bosnion. La tagon poste parte la armeo atakis Sarajevon kaj oficiale eniris la militon kontraŭ sendependa ŝtato Bosnio-Hercegovino.
La objektojn, kiujn oni ne sukcesis okupi kaj ŝanĝi ties signalon, serbiaj aviadiloj plurfoje raketadis (RS Bjelaŝica - centra RTV RS por Bosnio-Hercegovino; RS Hum - centra RS por regiono de Sarajevo; RS Tuŝnica - por sudokcidenta Bosnio kaj Dalmatio). Dum ĉi-somera ofensivo la serba soldataro okupis RS Bjelaŝnica, komplete ĝin detruis, forrabis la ekipaĵon kaj retiriĝis. La pertankajn bombardadojn de RS Hum verŝajne plurfoje vidis spektantoj de ĉiuj tv-kompanioj de la mondo - sed ĝin oni ne sukcesis detrui.
Do el 10 relajsaj stacioj sub plena kontrolo de serbaj agresintoj troviĝas 6 elsendantaj signalon de najbara ŝtato Serbio, kaj unu sub kontrolo de kroataj agresintoj kun signalo de TV Kroatio. Krom la du detruitaj kaj prirabitaj (Bjelaŝnica kaj Trovrh), nur unu RS estas en posedo kaj funkcio de TV Sarajevo. Temas pri RS Hum, kiu kovras nur la urbon Sarajevo kaj la ĉirkaŭon.
La RTV-domon en Sarajevo, kie oni produktas la programon kaj elsendas por mondaj tv-kompanioj, oni bombardis senĉese dum kvar monatoj per tankoj, haŭbizoj, memgvidaj raketoj ktp., sed ĝi kaj ĝiaj ĵurnalistoj eltenis.

**Bruligi la gazetojn**

Alia informa simbolo de Bosnio kaj Sarajevo estas taĝurnalo *Oslobodjenje*, „la bosnia-hercegovina sendependa gazeto". Ĝia belega dek-etaĝa dubloka konstruaĵo estis sidejo de deko da diversspecaj revuoj kaj de prestiĝa eldonejo. Dum tagoj ĝi estis bomdardata, ambaŭ blokoj forbruligitaj, tiel ke ĝiaj ruinoj, kies fotaĵoj tutcerte ĉirkaŭiris la mondon, ankoraŭ nun staras kiel simbolo de agresinta barbareco kaj vandalismo. Malgraŭ tio, sub grenadoj kaj optpafiloj, la ĵurnalistoj ĉiutage produktadis sian gazeton kaj plenmerite en 1992 gajnis la titolon de „gazeto de la jaro".
Blokitaj ŝoseoj kaj ĉesigita fervoja trafiko malebligis liveradon de papero al la presejo, sed solidareco de mondaj ĵurnalistoj kaj de iliaj sindikatoj helpis persvadi UNPROFOR (la blukaskulojn), ke ĝi estu liverata kiel humaneca helpo tra kanaloj de UNHCR, la helporganizaĵo de UN. Pro la sama problemo ĉesis aperadi pluraj aliaj gazetoj kaj revuoj, sed kelkaj redakcioj translokiĝis al aliaj urboj, eĉ al eksterlando, kaj spite al ĉio estis lanĉitaj pluraj tute novaj en Sarajevo mem, kiuj raportas pri la plej malfacila periodo de Bosnio en ĝia multjara historio.

**Malkonekti telefonojn**

La komunika blokado de Bosnio, precipe de Sarajevo, nepre havis sian poŝt-telefonan komponanton. Jam la 25an de aprilo 1992 eksa jugoslavia armeo okupis ĉefan radio-relaĵsan kaj PTT-domon sur montaro Trebeviĉ apud Sarajevo, kaj la 2an de majo 1992, kiam la armeo malkaŝe eniris la militon, estis forbruligita ĉefpoŝtejo en Sarajevo, impona domego konstruita dum aŭstria regado en 1910.
Preskaŭ 50 000 telefonlinioj estis silentigitaj, pli ol triono de funkciantaj. Aliaj poŝtejoj kun telefonaj instalaĵoj estis centojn da fojoj bombarditaj, tiel ke oni sukcesis detrui plian trionon da konektoj.

**Gravegaj radio-amatoroj**

Tute sinkrone en julio kaj aŭgusto 1992 PTT-sistemoj de Serbio kaj Kroatio malebligis plu ian ajn telefonan ligon de Sarajevo kun la mondo. Parton de necesaj kontaktoj establis tamen radio-amatoroj, ĉar radio-ondojn ne eblis „meti sub kontrolon". Radio-amatoraj stacioj plenumis grandegan rolon perante informojn precipe al liberaj landopartoj kaj al la mondo.
Jam de aprilo 1992 al Sarajevo ne venas poŝtaĵoj kaj presaĵoj, nek tiujn eblas sendi al la mondo, krom tra specialaj kanaloj de UNPROFOR aŭ privataj (de helporganizaĵoj).
Se oni prenas en konsideron blokitajn ŝoseojn kaj la fervojon, komence la flughavenon de Sarajevo (nun sub kontrolo de UNPROFOR), oni povas do konjekti kiom la komunika blokado de Bosnio, precipe de ĝia ĉefurbo Sarajevo, estis sistema kaj kompleta.
Sed malgraŭ ĉio la agresintoj, serbaj faŝistoj kaj kroataj novfaŝistoj, ne sukcesis bloki homan spiriton, ĉar rezisto de ĵurnalistoj, kulturagantoj, intelektuloj kaj de aliaj „homoj de la spirito" estis grandega, eĉ grandioza. Raportoj, filmoj, leteroj, mesaĝoj el Sarajevo ĉiam pli ofte penetradis la mondon kaj portis la veron pri heroa batalo de bosna popolo kontraŭ brutala faŝisma agreso al ĝia lando. La venkoj kontraŭ plena komunika blokado estas aŭguro de venkoj ankaŭ sur aliaj kampoj.
Senad ĈOLIĈ

**BOSNIA MILITO**

# Mortoj kaj premioj

**Paul Marchain, korespondanto de franca radio, estis la 30an de oktobro 1993 nova viktimo de bosnia milito, kiun oni prave konsideras la plej kruela post la dua mondmilito. Antaŭ grave vundita Marchain, urĝege transportita al Francio, por kies vivo – dum oni skribas tiun ĉi artikolon – batalas kuracistoj, de grenadoj kaj opt-pafiloj, plejparte de serba flanko, pereis aŭ grave estis vunditaj jam 46 ĵurnalistoj el ĉiuj partoj de la mondo.**

Kiom mortoj, vundiĝoj kaj suferoj estas konsista parto de malfacila raportista laboro, ankaŭ atribuitaj premioj al ĵurnalistoj pruvas gravecon de iliaj raportoj el bosnia milito por la nuntempa monda publiko. Pluraj prestiĝaj premioj internaciaj kaj landaj estis en 1992/93 donitaj al raportistoj, precipe el la sarajeva infero aŭ el la ne malpli danĝeraj aliaj bosniaj militejoj.

**De Pullitzer-premio...**

La plej faman usonan premion en ĵurnalismo *Premion Pullitzer* por 1992 ricevis John F. Burns, raportisto de *New York Times*, kaj Roy Gutmann de *New York Newsday*. Dum monatoj ili publikigis la unuaj serion da raportoj pri brutala agreso de serbaj faŝistoj al sendependa ŝtato Bosnio-Hercegovino. Iliaj sensaciaj raportoj, precipe de John F. Burns, pri krimagoj, masakrado kaj torturado de civiluloj, koncentrejoj kaj „etna purigado" baziĝis sur dokumentoj skrupule kolektataj de sendependa agad-grupo „Savu homecon", kiun kunorganizis ankaŭ Esperanto-Ligo de Bosnio-Hercegovino.

**Fenomeno *Oslobodjenje***

Preskaŭ heroa fariĝis la taĝurnalo de Sarajevo *Oslobodjenje* (Liberiĝo), proklamita en 1992 en Britio „gazeto de la jaro". En komplete forbruligita kaj ruinigita, iam belega du-bloka deketaĝa konstruaĵo, redaktante, vivante kaj presante en subtera kontraŭatombomba ŝirmejo, sub miloj da grenadoj kaj milionoj da kartoĉoj, oni produktadis ĉiunokte tiun mirindan gazeton, kiu jam antaŭe troviĝis en manoj de ĝiaj legantoj, simbolante vivon kaj reziston. Ĝin preparadis, distribuadis kaj vendadis en ofte ekstreme danĝeraj cirkonstancoj la ĵurnalistoj mem, entuziasmuloj de sia profesio, avangarduloj de libera penso kaj batalantoj por justeco kaj vero.
Sekvis rekonoj por tia sindona laboro. Sian jaran premion *Gerald Bery* por 1992 de Granada TV kaj BBC kaj la premion *Libero* de skandinaviaj ĵurnaloj *Dagens Nyheten* (Stokholmo) kaj *Politiken* (Kopenhago) oni atribuis al *Oslobodjenje*. Novaj gravaj rekonoj estis la *Premio por atingoj* de inform-agentejo *Inter Press Service* por „vivteno de tradicio, sendependeco, objektiveco kaj kuraĝo en raportado sub plej malfacilaj cirkonstancoj", premio *Oscar Romero* de katolika fondaĵo The Rothko Chapel (Huston, Usono) por „escepta sindono al vero kaj libero" kaj prestiĝa hispana premio *Alfonso Comin* (Barcelono) por „ĵurnalistoj de malsamaj etnaj grupoj kiuj kune laboras kaj raportas serve al libero kaj paco".
Por helpi rompon de informa blokado de Sarajevo, ĵurnalistoj de la mondo solidare realigis du grandajn eldonajn projektojn. La 5an de aprilo 1993, okaze de la unua jaro de sieĝado de Sarajevo, aperis speciala numero de *Oslobodjenje* kiel suplemento de ĵurnaloj en 31 landoj en 17 milionoj da ekzempleroj, kaj la 30an de aŭgusto 1993, okaze de 50jariĝo de la gazeto, ĝi aperis en 50 milionoj da ekzempleroj kiel aldonaĵo de pli ol 70 ĵurnaloj en 50 landoj. Ankaŭ tio estas siaspeca rekono al tiu ĉi gazeto.

**...ĝis Premio Privat**

Sekvis ankaŭ pluraj unuopaj premioj al sarajevaj ĵurnalistoj. Kemal Kurspahiĉ, ĉefredaktoro de *Oslobodjenje*, ricevis en 1992 de *World Press* la duan premion kiel „redaktoro de la jaro". Li kaj Gordana Kneževiĉ, vicĉefredaktorino, ricevis kune la *Premion por kuraĝo en ĵurnalismo* por 1992 de Internacia Virina Fondaĵo pri Komunikiloj „por vivteno de libera gazetaro en milita Sarajevo". La saman premion por 1993 ricevis juna sarajeva tv-raportistino Arijana Saraĉeviĉ.
Kemal Kurspahiĉ kaj Zlatko Dizdareviĉ, ekzekutiva direktoro de *Oslobojenje*, ricevis aŭstran premion *Bruno Kreisky* por 1993 pro „homa kaj profesia kuraĝo" manifestita dum la plej malfacilaj tempoj. Zlatko Dizdareviĉ krome ricevis jarpremion de franca unuiĝo *Raportistoj sen limoj* kaj ne malpli atentitan en ĵurnalistaj rondoj novestablitan *Premion Privat* de TEĴA.
Ĉio ĉi pruvas kiom la batalo por vera informado estas inspira, sed ankaŭ grave danĝera flanko de ĵurnalisma profesio.
Senad ĈOLIĈ

**Saĥarov-premio**

En decembro aldoniĝis plia premio: Zlatko Dizdareviĉ povis akcepti en Eŭropa Parlamento Saĥarov-Premion, nomitan laŭ la sovetia disidento kaj Nobel-premiito. Per la premio la parlamento distingas „rezistadon kontraŭ subpremo, sindediĉon al homaj rajtoj kaj modelon por estonta generacio". ■

# Provokaj prelegoj kaj viglaj diskutoj

**Altnivelaj estis kaj prelegoj (parte provokaj) kaj diskutoj dum la TEĴA-seminario en Poprad. Por la ĉeestantoj la malamasa partopreno montriĝis ankaŭ avantaĝo: oni povis strikte kaj intense labori. Ĉi-sekve ni prezentas koncizan raporton kaj aperigas parte du prelegojn. Bedaŭrinde ĝis redaktofino ne atingis la redakcion resumoj de l' prelegoj de A. Korĵenkov; ni esperas aperigi ilin en posta numero.**

Entute 9 personoj (el kiuj unu povis sendi nur preleg-tekston) partoprenis dum semajnfino de la ĝis 3a de oktobro 1993 en Esperanto-Centro Poprad (Slovakio) la seminarion pri „Ĵurnalismo en oriento kaj okcidento". Ĝi estis treege intensiva labor-kunveno. Estis reprezentitaj sep E-gazetoj: *Esperantisto Slovaka*, *Eta Gazeto* (Triesto), *Eventoj* (Budapeŝto), *Internacia Ĵurnalisto*, *Monato*, *La Ondo de Esperanto* (Ruslando) kaj *Ruslanda Esperantisto*.

La ĝeneralan temon pri problemoj de orient-eŭropaj kaj okcidentaj ĵurnalistoj enkondukis TEĴA-prezidanto Stefan Maul, kiu prilumis la evoluon de la periodo de l' malvarma milito ĝis hodiaŭ. (Vidu la tekston sube.)

**Krizo en Ruslando**

Kompletigis tiun enkondukon resumo de finna ĵurnalisto Jukka Pietiläinen pri „Ŝanĝiĝo de gazetara doktrino en Sovetio" (tiu ĉi teksto aperis jam en IĴ 4/93, p. 11 - 12) kaj prelego de vic-prezidanto de TEĴA, Aleksander Korĵenkov, pri la nuna situacio de gazetaro en Ruslando, kiu laŭ li troviĝas en drasta krizo, ĉar i. a. la nivelo falis kaj multaj gazetoj fariĝis tedaj. Registoj komencis denove subvencii tradiciajn gazetojn, aliajn (parte novajn) gazetojn subtenas financantoj, ekzemple bankoj, sed la plua evoluo ne estas klara. Korĵenkov krome informis pri tiamaj samizdatoj (= memeldonaĵoj necenzuritaj), kiuj - nature - nun komplete perdis signifon kaj malaperis.

En la vigla diskutado, kiun partoprenis precipe ankaŭ alia ruslanda ĵurnalisto, Nikolao Gudskov (redaktoro de *Eventoj*), oni povis klarigi diversajn miskomprenojn ambaŭflanke de l' iama fera kurteno. Entute la seminarianoj multe lernis el la interŝanĝo de spertoj, informoj kaj analizoj.

La dua parto de la seminario estis dediĉita al problemoj de l' Esperanto-gazetaro. Tiun temon denove enkondukis Stefan Maul per ĝenerala analizo; Aleksander Korĵenkov donis superrigardon pri la ruslanda Esperanto-gazetaro kaj en forumo ĉiu redaktoro prezentis sian revuon kaj respondis demandojn de la gekolegoj. Oni konstatis, ke parte la nivelo de l' Esperanto-gazetaro estas tre mizera, ke tamen oni ne povas malhelpi aperadon de fuŝ-revuoj, sed eble ja konsciigi la redaktantajn kolegojn pri eraroj kaj do la neceso de plibonigoj. Unu el la problemoj, kiun ne povas influi la esperantistoj, estas la ekonomiaj krizoj de postkomunismaj landoj kaj sekve de tieaj Esperanto-gazetoj. Ili parte ne povos transvivi, se ili ne trovas sufiĉe da pagantaj abonantoj en okcidento. Alia ebleco de helpo estas kunlaboro de landaj asocioj por eldoni komunan gazeton sub diversaj tradiciaj nomoj.

**Konkretaj rezultoj**

Konkretaj rezultoj de la seminario estis:

1. TEĴA pli rapide ol antaŭe planite ellaboros kriteriojn por ekspertizo kaj konsultado pri ekzistantaj Esperanto-gazetoj, kio povos helpi eldonantojn kaj redaktorojn plibonigi siajn revuojn.

2. TEĴA planas starigi gazetfoiron kun premioj, por distingi plej bonajn kaj malpremii plej malbonajn gazetojn. Tiucele necesas ellabori kriteriojn. Bedaŭrinde fiaskis la plano, prepare aranĝi konkurson similan pri plej ŝatataj kaj plej malŝatataj gazetoj, ĉar post la seminario unu el la petitaj redakcioj de E-revuoj retiriĝis. sm

# Ĵurnalismo en oriento kaj okcidento

## Kelkaj problemoj - enkonduko de Stefan Maul

En Bukareŝto, ĉefurbo de Rumanio, nuntempe ĵurnalo raportas ĉiutage sur la frontpaĝo detale pri tri gravaj krimoj. La gazeto per tio kampanjas por reenkonduko de mort-puno. Kaj ĝi per tio plialtigas la kvanton de vendataj ekzempleroj.

Jen kruda ekzemplo, kiel rapide lernas eldonistoj kaj ĵurnalistoj. Ni memoru, ke dum komunisma periodo en preskaŭ ĉiuj orient-eŭropaj ŝtatoj oni konservis kriminalajn statistikojn kiel plej gravajn sekretojn, ke en gazetaro kaj ĉiuj aliaj amas-komunikiloj oni praktike ne raportis pri krimoj kaj deliktoj, nek pri ŝtataj nek pri privataj. Ankaŭ akcidentoj efektive ne okazis, almenaŭ ne en amas-komunikiloj. Kun an-

goro ni memoras pri la misfama akcidentego en Ĉernobilo, pri kiu oni havis indicojn en la cetera mondo, sed pri kiu dum terure multaj tagoj silentis tiama Sovetio.

La ideologio malpermesis publikigi fiaĵojn, ĉar oni ja volis pruvi, ke jen estas ne nur laborista, sed ankaŭ morala paradizo. Male, oni abunde kaj troige informis pri fiaĵoj, krimoj, akcidentoj, teruraĵoj, korupteco, civitanaj protestoj, naturkatastrofoj en okcidenta hemisfero, por tiel demonstri al la hejma publiko, ke kapitalismaj landoj estas malparadizo, infero. En okcidento, tamen, libera ĵurnalismo inkludis sensaci-raportojn ĉiuspecajn; grandlitere informi sur la frontpaĝo pri plej teruraj kaj sensaciaj krimoj kaj aliaj fiaĵoj, jen la recepto de multaj bulvardaj ĵurnaloj por kapti aĉetantojn.

**Periodo de malvarma milito**

Tamen, ni memoru same alian fenomenon el la periodo de l' malvarma milito. Tiutempe ankaŭ okcidenta ĵurnalismo ne estis sen iu ajn ideologio, sen iu propaganda impeto. Ni scias, ekzemple, ke certaj usonaj inform-agentejoj, gazetoj kaj televizioj postulis de siaj korespondantoj en Moskvo kaj aliaj ĉefurboj de komunisma Eŭropo, raporti ĉefe pri disidentoj. Kompreneble tio estis relative facila afero, ĉar disidentoj ja *volis* informi, dum registaroj kaj partiestroj volis silenti pri tio, kio interesis okcidentajn ĵurnalistojn. Tiuj ĉi do, ĉerpante el eldiroj de disidentoj kaj samizdatoj, peradis unuflankan kaj pro tio falsan bildon pri komunismaj landoj.

Ni same ne pretervidu, ke ankaŭ en okcidentaj, demokrataj ŝtatoj ĵurnalistoj ofte estis trompitaj (kaj ankoraŭ hodiaŭ estas trompataj) de registaroj kaj politikistoj ĝenerale. La diferenco estas nur, ke en landoj kun libera ĵurnalismo tiaj mensogoj ne vivas eterne, ĉar rivel-ĵurnalistoj, kiujn - kontraste al tiuj en totalismo - ne minacas ŝtata persekuto, iam tamen malkovras la mensogojn kaj sekve la veron.

**Malfacilaĵoj de korespondantoj**

Alia problemo de okcidentaj ĵurnalistoj en orienta Eŭropo tiutempe estis, ke ili absolute ne povis profiti de la laboro de siaj kolegoj en la landoj, el kiuj ili raportis. La kutima maniero de eksterlandaj korespondantoj ja estas, ke ili atenteme sekvas informadon pere de amas-komunikiloj enlandaj. Granda parto de informoj kaj raportoj de korespondantoj konsistas el nenio alia ol transpreno aŭ resumo de raportoj de gazetoj, radio kaj televido tiulandaj, ĉu kun, ĉu sen font-indiko. Grandan rolon en tio ludas, kompreneble, ankaŭ tiulandaj inform-agentejoj.

Sed en tiamaj komunismaj landoj eksterlandaj korespondantoj apenaŭ povis utiligi amaskomunikilojn, se ne por informi pri la oficiala, ŝtata kaj kompartia starpunkto. Jes, spertaj korespondantoj iom post iom lernis legi ankaŭ inter la linioj, interpreti eldirojn kaj komunikojn. Sed kiam ili volis apliki la kutiman kaj gravan rimedon de reserĉado, enketado, esplorado - ili staris antaŭ muroj de muto kaj silento.

**Instrumento de propagando**

Dum la pluraj jardekoj de komunisma reĝimo, en tiuj orient-eŭropaj ŝtatoj enlandaj ĵurnalistoj ĝenerale kaj plejparte ekskluzive fariĝis instrumentoj de parti-propagando, kiuj tute ne atentis aŭ zorgis pri la veraj interesoj de legantoj, aŭskultantoj kaj spektantoj, sed simple estis heroldoj de siaj ĉefoj. Ili ne lernis, prilumi temon de ĉiuj flankoj, aŭdi kaj pridemandi ĉies opinion, esplori ĉiujn aspektojn de afero, insisti je klarigoj pri dubindaĵoj, malkovri falsaĵojn, postuli la veron. Kaj, kompreneble, sian personan opinion ili devis entombigi en la momento de eklaboro kiel ĵurnalisto. Kiom tio validis ankaŭ por esperantistaj ĵurnalistoj, mi ne scias; sed se mi memoras kelkajn numerojn de tiama revuo *Paco*, ŝajnas al mi ke ili ne estis en multe alia situacio.

Denove ni ne forgesu pri tio, ke tiajn ĵurnalistojn oni havis ankaŭ okcidente, kvankam eble ne en tiom strikta strukturo. Sed ankaŭ en okcidentaj landoj ekzistis kaj malmultnombre ankoraŭ nun ekzistas partiaj kaj pro tio propagandaj amaskomunikiloj. Certan tendencon - ankaŭ en libera ĵurnalismo - havas ĉiu gazeto, ĉiu radiofonia aŭ televida programo. Tiun tendencon ĵurnalisto devas akcepti, kiam ŝi aŭ li eklaboras por komunikilo. Tamen, almenaŭ teorie, en demokrataj landoj ĵurnalisto havas elekteblecon.

Tiun eblecon oni ne havis en komunismaj ŝtatoj, kie ĵurnalisto devis kutime estis partiano. Rekompence la ĵurnalistaro estis privilegia elito, kiu ĝuis trankvilan kaj komfortan vivon, obeanta al desupraj ordonoj kaj al la interna cenzuro. La ekonomiaj kondiĉoj estis bonegaj, kompare al la amaso de l' civitanoj, kiujn oni superŝutis per propagandaj informoj. Redakcioj estis bone ekipitaj, kaj redaktoroj estis multnombraj, ĉar por amas-komunikiloj ŝtataj ja ne validis la meĥanismoj de l' merkato.

**Novaj problemoj**

Kaj nun, en postkomunisma periodo, ĉio ŝanĝiĝis. Malnovaj problemoj malaperis - sed aperis novaj problemoj, kaj por orienta kaj por okcidenta ĵurnalismo. ►

Ni prilumu unue kelkajn problemojn de okcidentaj ĵurnalistoj. Pro la disfalo de l' sovetia imperio kaj parte de aliaj ekssocialismaj ŝtatoj, en ĝenerala informado jen aperis multaj novaj popoloj, landoj, novaj nacioj, pri kiuj oni antaŭe sciis preskaŭ nenion. Oni devis lerni novajn nomojn, konsulti enciklopediojn, esplori mapojn por orientiĝi en la ĥaoso. Tamen, ekzemple en la multpopola eksa Sovetio, okcidentaj ĵurnalistoj perdiĝas en la komplikaĵoj de historiaj kaj aktualaj evoluoj, scias tro malmulte por vere kompreni kaj ĝuste interpreti aferojn, kulturojn, interrilatojn kaj konfliktojn. Precipe en la unua fazo, en multaj tiuj landoj ekaperis nomoj de novaj politikistoj - sed apenaŭ oni kutimiĝis al ili, jen jam estis aliaj politikistoj, kiuj anstataŭis ilin. Tre ofte en okcidento - kaj tio ja validas simile por politikistoj - oni sciis kaj ankoraŭ scias tro malmulte pri granda parto de popoloj kaj kulturoj, kiuj ludis preskaŭ nulan rolon en centrisma Sovetio. Misinterpretoj kaj mistaksoj do estas preskaŭ neeviteblaj.

Plej frapa ekzemplo estas eksa Jugoslavio. Kvankam tiu ŝtato estis relative malfermita por okcidentaj politikistoj kaj ĵurnalistoj, neniu el ili rimarkis sufiĉe frue, kio tie okazis, ke tio nepre kondukos al milito. Kiam okcidenton surprizis la milito, neniu komprenis la kialojn. Oni komencis analizi nur, kiam estis tro malfrue. Kaj okcidentaj ĵurnalistoj kun hororo observis, kiel subite iliaj kolegoj en eksa Jugoslavio fariĝis milit-propagandistoj.

Denove do eksterlandaj korespondantoj en tiuj landoj havas gravajn problemojn, kiam temas pri informiĝado pere de enlandaj amas-komunikiloj. En eksa Sovetio aldoniĝas krome lingva problemo, ĉar la rusa lingvo, kiun eksterlandaj korespondantoj lernis, ne plu ĉie estas oficiala lingvo. Sed apenaŭ eblos por okcidentaj ĵurnalistoj, lerni ĉiujn nun uzatajn naciajn lingvojn.

**Ŝanĝo de strukturoj**

Ŝanĝiĝis ankaŭ multaj strukturoj de amas-komunikado. Iamaj oficialaj gazetoj kiel *Pravda* perdis siajn funkciojn, aperis novaj gazetoj, aliaj ŝanĝis sian tendencon, iuj estas heroldoj de iuj politikaj premgrupoj aŭ novaj partioj, sendependaj amas-komunikiloj, ŝajnas, ankoraŭ malabundas. Do ankaŭ tiurilate okcidentaj ĵurnalistoj perdiĝas en labirinto.

Pri propraj problemoj de orient-eŭropaj ĵurnalistoj, nature, mi scias malmulte. Klare estas, ke ili devis pro parta liberaligo kaj ekdemokratigo lerni novajn metodojn kaj teknikojn. Oni povas imagi, kiom malfacile tio devas esti. Ni rigardu la ekzemplon de iama orienta, socialisma Germanio. Tieaj ĵurnalistoj havis la avantaĝon de sama lingvo kaj do pli facile ol eble kolegoj en aliaj ekssocialismaj landoj povis rapide akiri sciojn kaj praktikojn de libera ĵurnalismo, helpe de okcidenta Germanio. Sed pli rapide ol en aliaj orient-eŭropaj landoj, ja preskaŭ subite, partigvidataj amaskomunikiloj perdis ekzistorajton - neniu plu volis legi tiajn gazetojn. Parte okcidentaj eldonejoj transprenis ĵurnalojn, novaj gazetoj fondiĝis. Partianaj ĵurnalistoj amase perdis siajn postenojn, eniris kutime okcidentaj ĵurnalistoj por okupi ĉefajn kaj gvidajn postenojn. La okcidentaj eldonejoj, komercaj kaj ne ŝtataj entreprenoj, amase maldungis redaktorojn, ĉar redakcioj estis tro mulpersonaj laŭ kriterioj de profito.

**Alia labor-stilo**

Tiujn redakcianojn, kiujn la novaj mastroj tenis, oni trejnis, parte en okcidentaj redakcioj. La spertoj de orientaj gekolegoj parte estis terurigaj. Kiel ankaŭ en aliaj branĉoj de laborado, ili kutimis pri trankvila stilo, sen forta premo; gravis nur, esti fidela al la partio kaj okupi sian postenon. Nun ili spertis okcidentan labor-stilon kaj laborritmon, kiuj postulas fortostreĉon de l' kompleta homo, en kiuj ne gravas ideologia konformeco, sed la fakta rezulto de laboro. Ili devis lerni mem pensi, mem iniciati, enketi, reserĉi, esplori, intervjui, demandi, insisti - kaj komentarii sen donita kaj ordonita gvidlinio.

Kompreneble, estas ankoraŭ multaj aliaj problemoj, ekzemple tiu, ke ĵurnalistoj en ekssocialismaj landoj, ekspirinte aeron de libera ĵurnalismo, troigas kaj ekspluatas tian liberecon - kaj per tio ni revenas al la ekzemplo de la rumania gazeto, menciita komence. Kial, oni demandas sin interalie, orientaj ĵurnalistoj ĝuste la malbonan parton de libera ĵurnalismo lernas tiom rapide?

Nur aludi ni povas problemojn de esperantistaj ĵurnalistoj. Unu el ili estas, ke dum multaj jardekoj la kontaktoj inter orienta kaj okcidenta Esperanto-movado estis limigitaj, parte malhelpitaj, nur sporadaj. Do ambaŭflanke de l' tiama fera kurteno oni scias malmulte pri la aliaj, la movadoj disevoluis. Nun ni legas en orient-eŭropaj Esperanto-gazetoj pri historio de Esperanto-movado - sed mi dubas, ke okcidentaj esperantistoj amase interesiĝas vere pri tio. Unu el la kialoj povas esti, ke okcidentanoj ne kutimas legi longegajn tekstojn, dum ekzemple rusaj esperantistoj laŭ tradicio de rusa ĵurnalismo verkas romanojn pri multaj temoj; koncizeco, kiel en okcidento, ne estas ilia principo. Plia diferenco estas, ke en orienta Eŭropo - post la periodo de subpremo - nun oni multe skribas pri kulturaj temoj. Ankaŭ ĉi-rilate mi dubas, ke

tio trovas grandan intereson en okcidento, kie kulturo povis libere evolui.

Inverse restas la problemo, ke orient-eŭropaj esperantistoj praktike plu ne kapablas aboni kaj legi okcidentajn Esperanto-gazetojn - sed tio estas alia ĉapitro, pri kiu ni parolos poste dum ĉi tiu seminario.

# Problemoj de la Esperanto-gazetaro

**Prelego de Stefan Maul**

En artikol-serio en *Monato* perspektive al la centjara jubileo de la lingvo internacia, en 1986 mi ankaŭ traktis problemojn de l' gazetaro en Esperantujo. Sub titolo „Kia devus esti la Esperanto-gazetaro"[1] mi postulis interalie: „Necesas strikte koncentri la fortojn." Mi plendis, ke aperas tro multaj gazetoj kaj ke mankas profesia nivelo.

Bedaŭrinde mia kritiko alportis neniun frukton, male la situacio nun estas eĉ pli mizera ol en la centa jaro de Esperanto. Intertempe aldoniĝis novaj problemoj. Tion mi devis konstati precipe, kiam mi kolektis informojn por la jar-libreto de TEĴA kaj tiuokaze ricevis ankaŭ tre multajn eldonaĵojn, kiujn antaŭe mi neniam vidis, kaj tre multajn novajn.

La problemoj troviĝas grandparte en la Esperanto-movado mem, sed ankaŭ ekster ĝi pro ĝenerale malfavoraj cirkonstancoj kaj kondiĉoj. Ni unue traktu la internajn problemojn.

**1. Mizera lingva nivelo**

Hirtiĝas miaj malmultaj haroj preskaŭ ĉiam, kiam mi vidas kaj legas aliajn gazetojn ol la renomajn kaj konatajn, kvankam ankaŭ en ili oni ne malofte trovas lingvajn erarojn. Sed pri multaj aliaj gazetoj oni devas havi la impreson, ke ilin redaktas kaj eldonas veraj analfabetoj. Ne nur abundas eraregoj, sed regas kripligita pseŭda Esperanto. Aperas kompletaj frazoj kaj alineoj, kiujn ordinara Esperanto-parolanto absolute ne povas kompreni kaj eĉ spertega esperantisto nur kun giganta peno.

Mi donas al vi nur kelkajn arbitre elektitajn ekzemplojn.

[La preleganto citas aron da ekzemploj kaj poste daŭrigas:]

Sufiĉas! Mi ne volas tedi vin per pliaj tiaj citaĵoj, mi nur volis montri al vi, ke mi ne fantazias, sed parolas pri reale ekzistanta Esperanto-ĵurnalismo. Eble vi rimarkis laŭ la citaĵoj, ke tre ofte temas pri tekstoj ne eble nur malzorgeme redaktitaj, sed verkitaj de tiel sin nomantaj redaktoroj mem! Tamen, kompreneble, tiuj ĉi kelkaj citaĵoj ne prezentas totalan panoramon de fuŝoj kaj ĥimeroj en nia gazetaro. Eble eĉ pli teruraj kaj hororaj estas tiuj ege multaj lingvaj eraroj, kiuj ne tuj frapas la atenton, ĉar oni komprenas la vortumojn pro tio, ke oni mem inklinas fari similajn erarojn, ĉu pro nacilingva kutimo, ĉu pro jam enradikiĝinta misuzado. Fifama ekzemplo pri tio en nia ĵurnalisma ĵargono estas tiu damna falsa amiko *amas-medioj* nun trovebla en ĉiu dua Esperanto-periodaĵo.

**2. Lernemo malkreskis**

Kaŭzoj de ĉi tiu mizera lingva nivelo estas kompreneble pluraj. Ĝenerale mi konstatas jam de multaj jaroj, ke malkreskis entute la lernemo de l' homoj, do ankaŭ de tiuj kiuj interesiĝas pri la lingvo internacia. Miskondukas Esperanto-lernantojn krome la facileco de tiu ĉi lingvo. Eŭropanoj lernas rudimentojn tre rapide kaj jam post la unua kurso kredas, ke nun ili scias Esperanton. Ja sufiĉas apliki prononcon de l' internacia lingvo uzante vortojn de l' gepatra lingvo - jen ĉio. Do ili neniam el-lernas la lingvon internacian, ne penetras en ties fundon, riĉecon kaj propran strukturon. False ili tutsimple vestas sian nacian lingvon per pseŭda Esperanto, kaj ne havas gravajn problemojn, ĉar oni grandparte komprenas ilian balbutadon.

Iom alia estas la situacio en postkomunismaj landoj. Esperantistoj tie dum jardekoj estis izolitaj, fortranĉitaj de l' internacia Esperanto-movado. Neeviteble tio kondukis al certagrada disdialektiĝo, ĉar tiuj esperantistoj ne povis kontroli sian internacian lingvon pere de la vere internacia stilo de Esperanto en la cetera mondo. Simile estas pri iuj aziaj landoj, kie esperantistoj ĝis hodiaŭ havas ofte tre malmultajn kontaktojn kun la internacia esperantistaro. Kvankam ili sendube estas multe pli lernemaj ol eŭropanoj, estas tute nature, ke en tiaj cirkonstancoj ili ankaŭ transigas kutimojn kaj stilojn de siaj lingvoj en Esperanton, tiel ke foje por ne-aziano estas malfacile kompreni ilin.

Tamen, konstati kaj bedaŭri ĉi tiujn ĝeneralajn fenomenojn kaj trajtojn de l' nuna Esperanto-movado estas unu afero, sed trovi ilin ankaŭ en nia gazetaro, tio estas tute alia, multe pli teruriga afero, nepardonebla katastrofa evoluo! La baza materialo, la metia fundamento de ĵurnalistoj kaj redaktoroj estas la lingvo, ĉu angla, rusa aŭ Esperanto. Ĵurnalisto, kiu ne perfekte regas la lingvon, kaj

---

[1] en Stefan Maul, *Pri kelkaj gravaj problemoj de l' Esperanto-movado,* Flandra Esperanto-Ligo, Antwerpen 1987, ISBN 90-71205-17-7

tamen verkas kaj redaktas, similas al masonisto kiu ne scias kiel miksi kaj trakti morteron kaj tamen konstruas domon.

**3. Manko de spertaj redaktoroj**

Ne estas malfacile trovi la kialon de l' mizera lingva nivelo en Esperanto-gazetaro. Kiel ĝenerale en la movado, ankaŭ por redaktado mankas profesiuloj kaj spertuloj. Do oni elektas iun ajn, kiu estas preta, por tia ofico, sendepende de lingva nivelo. Kutime tiuj subitaj kaj hazardaj redaktoroj neniam antaŭe redaktis revuon, tute ne konas la metion. Kaj tre ofte oni ankaŭ ne atentigas ilin pri eblecoj, lerni redaktadon, ekzemple helpe de MANLIBRO PRI ĴURNALISMO. Tiu ĉi verko ekzistas jam de 1982, do de pli ol dek jaroj, sed ĝi vendiĝas nur tre malbone. Eble ofte estas ankaŭ aroganteco de junaj homoj, kiuj opinias ke ili scias ĉion fari, do kial ne redakti kaj eldoni gazeton.

Tiel okazas, ke ankaŭ renomaj gazetoj de unu tago al alia ekhavas malbonan lingvan nivelon, kiam sperta redaktoro rezignis kaj komencanto transprenas la taskon. Alia fenomeno estas, ke la nuntempa relative simpla metodo eldoni gazetojn helpe de komputilo kaj malmultekosta ofseta presado instigas pli kaj pli multajn homojn, kiuj ĵus eklernis la lingvon internacian, eldoni propran gazeton por disvastigi siajn specialajn ideojn.

**4. Malkontentiga enhavo**

Ideo kaj senco de lingvo internacia estas precipe, peradi kulturojn kaj sciojn mondvaste. Por tio taŭgas apud kongresoj kaj libroj ĉefe gazetoj kaj revuoj. Sed se ni analizas la Esperanto-gazetaron laŭ tiu ĉi kriterio, ni bedaŭrinde same kiel ĉe lingva nivelo devas konstati mizeron. Kutime oni trovas sur la paĝoj de tre multaj gazetoj nur la konatajn movadajn bagatelaĵojn, informojn pri novaj triumfoj de Esperanto kaj artikolojn, kiuj provas konvinki esperantistojn pri la valoro de la lingvo. Sed tiujn valorojn legantoj ne trovas sur tiuj paĝoj.

Oni apenaŭ ekspluatas kapacitojn kaj eblecojn de l' mondvasta Esperanto-kulturo, kiel tion ekzemple provas realigi *Monato*. Tiurilate mi miras ankaŭ pri nunaj periodaĵoj el postkomunismaj landoj. Mi jes legas pri la historio de l' Esperanto-movado, sed pri aktualaj problemoj nur malofte. Kial esperantistoj en tiuj landoj - anstataŭ ĝenerale plendi pri problemoj - ne simple priskribas sian personan sorton, la ĉiutagan vivon, tiel ke en aliaj landoj oni povas kompreni la situacion?

Ne multe pli bona estas la situacio en fak-gazetoj. Ankaŭ en ili oni trovas kutime nur movadajn temojn, sed apenaŭ fakajn artikolojn. Kial mi legas en *Monato* multe pli pri ekonomio ol en *La Merkato*, organo de Internacia Komerca kaj Ekonomia Fakgrupo? Esceptoj kaj modeloj kiel *Internacia Pedagogia Revuo* ja ekzistas - kial oni ne imitas ilin en aliaj fakrevuoj?

**5. Neglekto de l' merkato**

Grava eraro de gazet-eldonantoj en Esperantujo estas, ke ĉiu ajn kredas, ke ĝuste lian periodaĵon ni bezonas por fariĝi feliĉa esperantistaro. Oni lanĉas unu gazeton post alia, tiel ke la merkato jam ne plu estas superrigardebla. Se mi enmetus ĉiun gazet-titolon en la jarlibreton de TEĴA, ĝi havus amplekson de eble cent paĝoj. Kial tiuj eldonemaj homoj ne unue esploras iomete la merkaton por konstati, ĉu entute ekzistas sufiĉe multaj aĉetontoj? Kiu el ni ja povus aboni - tio signifas pagi! - eĉ nur kvaronon de l' ekzistantaj Esperanto-gazetoj?

Mi perfidas al vi sekreton: La plej grava merkato de Esperanto-gazetoj estas la redaktoroj mem, kiuj manie interŝanĝas siajn periodaĵojn. Mi parolas el propra sperto: Ĉar dum preskaŭ mia tuta esperantista vivo mi estis ankaŭ redaktoro de iu Esperanto-gazeto, mi praktike neniam devis aboni iun alian gazeton.

La neglekto de l' merkato estas grava problemo. Ekzistas tro multaj tro similaj gazetoj. Kia malŝparo de energio, tempo kaj mono! Unu el la eraroj estas, ke oni tuj lanĉas gazeton, kvankam ofte sufiĉus cirkulero aŭ bulteno, simpla informilo. Kompreneble asocio devas komuniki al siaj membroj necesajn informojn, por ke funkciu la asocio. Sed por tio oni ne bezonas luksan revuon, kiun oni manke de bona materialo plenigas per stultaĵoj kaj bagateloj. Aliflanke ekzistas tro malmultaj *internaciaj* gazetoj laŭ la tipo de *Monato*, kiuj plenumus la supre priskribitan funkcion de perado de kulturoj.

**6. Hontiga teknika kvalito**

Mi parolis pri la problemo, ke nefakuloj abundas inter la esperantistaj redaktoroj. Tio tamen kondiĉas ne nur mizeran lingvan nivelon, sed ankaŭ hontigan teknikan kvaliton. Tre ofte la enpaĝigo havas aspekton de revueto produktita de lernantoj en gimnazio. Regas ĥaoso kaj malklareco, grafika harmonio estas fremdvorto kaj multaj redaktoroj ŝajne kredas, ke vigleco konsistas el infanludaĵoj. Tion bedaŭrinde ne plibonigis la uzado de komputiloj, male: komputiloj efligas produkti eĉ pli grandan ĥaoson. Oni elektas tro malgrandajn litertipojn kaj forgesas kunsendi lupeon, oni arbitre miksas plej diversajn skribojn kaj enmetas stultajn bildetojn desegnitajn per komputiloj.

Gazetojn, kiuj neglektas eĉ la

plej bazajn grafikajn necesojn kaj anstataŭas ilin per tohuvabohuo, vi ne povas montri al neesperantisto. Do kie restas la propaganda efiko, kiun ja celas tiuj fuŝuloj? Krome, agante tiel, ili ofendas ankaŭ la esperantistojn.

Teknika kvalito mankas, cetere, ankaŭ en ne malmultaj gazetoj, kiuj nun aperas en postkomunismaj landoj, sed per tio ni venas al problemoj kaŭzitaj ekster la Esperanto-movado.

**7. Ekonomiaj problemoj**

Ke en postkomunsimaj landoj regas gravaj ekonomiaj problemoj, tion oni tuj konstatas pro la aspekto de gazetoj eldonataj tie. La belaj kiel *Hungara Vivo* malaperis, perdinte ŝtatan subvencion. Nu, mi ne devas klarigi al vi la problemojn ekonomiajn kaj aliajn, kiujn nun frontas esperantistoj en postkomunismaj landoj, grandparte vi scias ilin pli bone ol mi. Sed la problemo, kiu okupas nin ĉi tie, estas ke okcidentaj esperantistoj kutimiĝis al certa teknika kvalito de Esperanto-gazetoj kun bona papero, bonaj fotoj, bone legeblaj skriboj kaj ĝenerale tolerebla aspekto. Kaj nun jen alvenas gazetoj, kiuj memorigas okcidentajn esperantistojn pri eldonaĵoj de l' periodo post la 2a mondmilito.

Ne miskomprenu min. Kompreneble mi scias, ke ne estas la kulpo de l' esperantistoj, sed de l' cirkonstancoj kaj kondiĉoj ĝeneralaj kiel manko de papero, problemoj de presado ktp. Krome mi kun ĝojo konstatis, ke multaj vere penis plibonigi la aspekton de la gazetoj. Se oni ekzemple komparas nunan numeron de *Ruslanda Esperantisto* kun la unuaj, oni tuj rimarkas la konsiderindan progreson. Sed la ekonomiaj problemoj ankoraŭ longe turmentos la redaktorojn. Ekzemple oni miras, ke gazeto el tiom giganta lando, *Ruslanda Esperantisto*, havas nur modestajn 4 paĝojn.[2] Por komparo: en Germanio ekzistas relative malmultaj esperantistoj, sed ĝia E-revuo havas 20 paĝojn en sama formato.

La problemo do estas, ke pro modesta teknika kvalito gazetoj el postkomunismaj landoj ne allogas multajn abonantojn en okcidento, kvankam ĝuste ili alportus urĝe bezonatan monon por plibonigi la periodaĵojn.

**8. Nefunkcianta labor-divido**

Orient-eŭropaj esperantistoj kaj eldonejoj jen kaj jen ofertas presi okcidentajn eldonaĵojn je malalta prezo. Sendube tia labordivido utilus al ambaŭ flankoj. Sed ankaŭ en tiu okazo la ekonomiaj problemoj ludas rolon. Oni ja scias, ke prezoj en postkomunismaj landoj konstante saltas supren, dum la enspezoj de l' homoj ne sekvas tiun ĉi evoluon. Krome la politika malstabileco en multaj landoj hezitigas labor-dividon.

[2] Intertempe 8 paĝoj.

**JAPANIO**

# Rompo de tabuoj ĉiun vendredon

**Ĝenerala karaktero de l' japana gazetaro, laŭ eksterlanda juĝo, estas ke ĝi ne estas agresema kaj kritikema. Sed nun aperis nova tendenco en Japanio: semajngazeto simila al *Der Spiegel*, kiu ne evitos tabuojn.**

Tian magazinon planis eldoni kelkaj malkonformemaj japanaj ĵurnalistoj. Kutime en Japanio ĵurnalistoj interkonsentas kun politikistoj kaj aliaj gravuloj en ĵurnalistaj kluboj (kiuj estas atakataj kiel „novaj-karteloj" fare de eksterlandaj ĵurnalistoj kaj eĉ fariĝis unu el la interŝtataj disputoj inter Usono kaj Japanio pri la fermiteco de la japana merkato konceme servojn).
La nova gazeto estas *Kin'yôbi* [Kin-joobi, t. e. Vendredo], semajno-magazino; la eldonejo - kiu intencis lanĉi ĝin la 5an de novembro 1993 - de post julio publikigadis provnumerojn monate. Cetere, oni ne konfuzu ĝin kun *Friday* [Vendredo] kun titolo en la angla lingvo, kiel kutimas en Japanio, specialiĝita en raportado pri skandaloj de kantistoj kaj aliaj personoj en aktadaj artoj kaj de politikistoj, kun abundaj ilustraĵoj, ofte embuske fotitaj.
Laŭ deklaroj, la gazeto celas sendependecon de enspezoj el reklamoj por eviti eksteran influon kaj realigi tion per abono de legantoj, ne per amasa vendado ĉe librostandoj en stacidomoj aŭ tra ordinaraj distribuaj retoj.

**Simpatiantoj de Esperanto**

La redaktistaro konsistas el ISIMURE Mitiko [Iŝimure Miĉiko], konata per raportado pri la viktimoj de poluado, INOUE Hisasi [Hisaŝi], populara literaturisto de romanoj kaj dramoj kaj iama entuziasma simpatianto de Esperanto, KUNO Osamu, filozofo renoma kiel kontraŭmilitisto jam ekde antaŭ la 2a mondmilito, TUKUSI Tetuya [Cukuŝi Tecuja], eksredaktisto de *Asahi Journal* (jen denove la angla), formortinta semajnomagazino filia de la taĝĵurnalo *Asahi* de tendenco nov-maldekstrula kaj aktuale parola publicisto - *(news)caster*, kiel la anglofilaj japanoj nomas - ĉe la privata tv-kanalo 6, kaj HONDA Katuiti [Kacuiĉi], ĵurnalisto ĉe *Asahi*, fama, interalie, pro siaj artikol-serioj pri la milito en Vjet-Namo kaj ankaŭ subtenanto de la lingvo internacia.
Kiam gesinjoroj Detlev kaj Wera [Vera] BLANKE venis Japanion, invitite de japana sekcio de MEM (Mondpaca Esperantista Movado), kaj via korespondanto atendis ilin por

rendevuo en la stacidomo Tokio, alprokismiĝis raportisto de *Vendredo*, juna virino, gvidate de KIKUSIMA Kazuko (multaj en la internacia Esperanto-movado konas ŝin sub nomo „Kriazentemo"). Tio estis supozeble pli ol ilia interesiĝo pri la monda lingvo-problemo, pli pro tiu pri nekonformismaj rigardoj al la epoko post disfalo de la orienta bloko, kiam ĉiuj sin forgesas en ditiramboj adore oran bovidon de la merkata ekonomio.

**Evidenta malkonformismo**

Kiel planite, la nova gazeto „vere sentime kritika" surmerkatiĝis la unuan vendredon de novembro. La speciala temo de la unua numero estis la problemo de liberigo de l' importo de rizo, okupante 36 paĝojn el 66. Meze de la ĝenerala tono de l' gazetaro, kiu estas pli kaj pli definitive favora al akcepto de la postulo de l' Ĝenerala Konvencio pri Dogano kaj Komerco [angle: GATT - red.], paralele al subtilaj elparoloj de registaranoj levantaj testbalonon preskaŭ agnoskantan neceson cedi al ekstera premo, semajnmagazino *Vendredo* paŝas sur la scenejon kiel advokato de la intereso de l' japana agrikulturo. Ĝia malkonformismo estas evidenta. Ĉu la rezonado estas logika, estas alia afero, same kiel en aliaj artikoloj.

La magzino fiere deklaris ke ĝi ne portas reklamojn por eviti influon de aŭspiciantoj, sed abundas ja tiuj por libroj. Ĉu la redaktejo pensas ke eldonejoj estas malgrandaj kapitalistoj, facile rezisteblaj kiam tiuj ĉi volas igi sian potencon senti por kurbigi la objektivan raportadon?

Multas noticoj pri neestablaĵaj agadoj, al kiuj grandaj ĵurnaloj donas apenaŭ atenton, kiel informoj pri malgrandaj teatroj, plukaĵoj el neamasaj komunikiloj, gvidilo pri civitanaj movadoj. En la postparolo, la redaktoro bedaŭras, modele, ke malgraŭ la antaŭa intenco, oni estas devigata distribui sian varon en koverto vanila, malamika al la medio, sed ke oni esperas meti en praktikon mediamikan pakaĵon de post januaro.

Al la jam sufiĉe nekonformisma skipo aldoniĝis alia, same renoma, SIINA Makoto [Ŝiina], romanisto, raportisto, ajnisto.

**Pli alta eldonkvanto**

Oni projekciis 35 000 abonantojn, kiu celo estis facile trapasita por atingi 43 000 fine de oktobro, tiel ke la eldonejo anoncis prezmalaltigon en la formo de plilongigo de abonperiodo per kvar semajnoj por jaro: bonaŭgura eknavigo.

Kvazaŭ por plezurigi nin manilojn pri lingva diskriminacio, *Vendredo* aperigis, kape de la rubriko leteroj al la redaktejo, unu kiu asertas ke la parolado de la ĉefministro de Japanio en la ĝenerala asembleo de Unuiĝintaj Nacioj en la angla bele atestas pri la robusta sano de l' anglalingva imperiismo kaj la kolonieca spirita klimato de tiu ĉi lando. Verŝajne la skribinto ne estas esperantisto.

Via korespondanto proponis al la redakcio, ke oni intervjuu N. Dube, bosnianon restantan en Japanio, kiu rolis kiel unu el la podianoj en la lasta landa Esperanto-kongreso, kiel raportite de Simo Milojeviĉ en la revuo de UEA. Ŝia senrezerva kondamno de naciistoj de ĉiu flanko kaj de la germana registaro en ĝia frua agnosko de sendependeco de Slovenio kaj Kroatio estas sufiĉe malkonformisma. Ili tamen ne respondis ĝis nun.

YAMASAKI Seikô

**ESPERANTO-GAZETARO**

# Rezultoj de la kampanjo de erar-spurado

**En IĴ 4/93 (p. 14 - 15) mi proponis starigon de nova rubriko dediĉita al malkovro de lingvaj eraroj en Esperantaj periodaĵoj.**

Legantoj havas eblon konkursi pri la plej granda nombro de ortografiaj fuŝaĵoj, gramatikaj pekoj, semantikaj stumbloj kaj stilaj malglataĵoj, kiuj, bedaŭrinde, tro ofte makulas la paĝojn de la verdlingva gazetaro. Por ilustri la labormetodon, mi prezentis kvin citaĵojn el la magazino *Monato* kaj klarigis la kialon de ĉiu eraro kaj la manieron ĝustigi ĝin. Mi atendis similajn kontribuaĵojn en la estonteco de legantoj de IĴ.

Kunlaboris en la unua fazo de la erarelradikiga kampanjo tri legantoj. Meritas la titolon „Aglokululo" István Ertl, kiu submetis liston de 13 eroj, kiujn li trovis en IĴ 4/93. Li trafe komentas jene:

„Mi trovas la ideon de ,piloria rubriko' (kiel mi nomas ĝin) edifa, kaj kontribuas al ĝi per eraroj plukitaj en la sama numero de IĴ mem [...] Nu, se oni trovas tiom da erar(et)oj jam per unu tralego en lingve sufiĉe bona revuo, tio konkludigas pri la kvalito de la ceteraj kaj, precipe, pri <u>la malfirmeco</u> de la normo en Esperanto (ekz. pri la artikolo, kiel ĵus vidite)."

La dua leganto, kiu reagis, estas Mila v. d. Horst-Kolinska, kiu citis tri frazojn, kiujn ŝi opinias ĝustigendaj. Per la sekvaj vortoj ŝi bonvenigas la novan rubrikon:

„Mi gratulas al vi pro la iniciato de tielspeca rubriko. [...] Vere ni bezonegas tian rubrikon por povi poluri nian lingvo-uzon. Mi ĉiam kulpigas instruistojn, ke ili ne tre bone instruas la lingvon, sed ankaŭ en lernolibroj ni trovas eraran uzon de la lingvo."

Respondis al mia alvoko serĉi

erarojn ankaŭ Garvan Makaj', kiu trovis misaĵon en jena frazo en la sama numero de IĴ:

„Eminagiante la premion en Valencio al redaktoro Adrzej Pettyn ..." (p. 10, kol. 1).

Pro iu stranga kialo, s-ro Makaj' ne sukcesis deĉifri tiun memevidentan komposteraron. Post iom da ĵonglado per la literoj, eĉ unuakursano konstatos, ke temas pri misliterado de la vorto *enmanigante*.

Mi nun pritraktos eraron, kiun la aliaj legantoj preteratentis: „La Instituto Fritz Hüser, organizinta la ekspozicion sur la halo de la kongresejo, kolektas kaj konservas materialon pri la internacia laborista literaturo..." (p. 13, kol. 2, linioj + 14, 15).
La tegmento de halo ja estas nekutima loko por aranĝi ekspozicion. La kunteksto postulas, ke oni diru „en la halo", ĉar la lokalo estas granda ĉambro. Komparu la sekvan ekzemplofrazon, ĉerpitan el la artikolo pri „halo" en *Plena Ilustrita Vortaro*: „jam gastoj, kolektite en kastela halo".
Bernard GOLDEN

**Komentoj de l' IĴ-redaktoro:**
◆ Konsole estas, ke minimume unu homo - I. Ertl - legis la kompletan numeron...
◆ Konsole estas, ke I. Ertl ne trovis la eraron *sur la halo*, sed eĉ pli konsole estas, ke pri tiu eraro ne kulpis la IĴ-redaktoro sed tiu de l' kongresa kuriero *Valencia Suno*, el kiu ni faksimile depresis la artikolon (kiel indikite en la ĉirkaŭa artikolo).
◆ Konsole estas, ke IĴ estas modela E-revuo, ĉar ĝia redaktoro - kiel la kolegoj de preskaŭ ĉiuj aliaj E-gazetoj - estas plurfunkcie ankaŭ kompostisto kaj reviziisto. Tiel do la fakorgano de ĵurnalistoj modele pekas kontraŭ grava ĵurnalisma principo, ke ne devas kompostisto aŭ redaktoro mem revizii tekstojn.
◆ Konsole estas, kiom da cerbostreĉoj oni povas estigi per unu sola vorto kia *eminagiante* - vidu pri ĝi ankaŭ la reagon de Makaj' aliloke.

## REVUO de revuoj

**ESPERANTO**
organo de UEA
en numero 11/93 sur p. 194 aperigis en la rubriko *La diligenta kolegaro* intervjuon kun TEĴA-prezidanto Stefan Maul (titolo: „Por la profesiigo de nia ĵurnalismo") kaj raporton pri la TEĴA-seminario en Poprad.

**HEROLDO DE ESPERANTO**
havas novan juran personecon kaj nun formale estas kultura asocio sen profita celo en Italio. Antaŭe ĝi havis hispanan juran personecon.

**EL POPOLA ĈINIO**
nun mem prizorgas la distribuadon de la gazeto. Krome la revuo havas seriozajn problemojn, perdinte abonantojn en orienta Eŭropo. Tial oni starigis Fondaĵon EPĈ-abono. Interalie, por ŝpari, oni reduktis la nombron de koloraj bildoj.

**LA DOMO**
**JARCENTO 21**
Jen la titolo de nova gazeto, kies numero 00 aperis en septembro 1993. Ĝi estas trimonata organo de Tutmonda Asocio de Konstruistoj Esperantistaj (TAKE). Formato DIN A 4, 12 paĝoj. Ĉefredaktoro: Edmond Ludwig, RN 83 - Rue de Tiefenbach, F-68920 Wintzenheim (Colmar), Francio.

**MONATO**
internacia magazino sendependa
en numero 11/93 (p. 13) aperigis artikolon pri „Ĉarto de la ĵurnalistaj devoj" prezentita de itala Ĵurnalista Ordeno (?). Laŭ la priskribita enhavo, ĝi similas al la etika kodo de TEĴA.

**LA SKOLTA MONDO**
organo de Skolta E-Ligo
aperigis jubilean numeron 3/93 okaze de l' 75jariĝo de la ligo. La revuo dediĉas kvar paĝojn al ĝia historio dum la pasintaj 25 jaroj. Redaktoroj de aliaj revuoj povas peti senpagan ekzempleron ĉe la redaktorino Anna Margareta Ritamäki, Peltolavägen 6 B 36, FIN-20720 Åbo, Finnlando.

## LETEROJ

Skribu al
Stefan Maul
Pferseer Str. 15
D-86150 Augsburg
FR Germanio

## Mi estas marksisto

**Responde al la letero de *B. Golden* en IĴ 3/93 skribas *Canko Murgin* i. a.:**

Nekompreneble, kial pro trafa korekto per kritiko, la kritikata Golden akrobatas por eliri el sia propra haŭto. Kaj en tiu drasta momento de baraktado alvenas la esperata panacea „sava solvo": Murgin estas marksisto! Kaj anstataŭ respondi dece al la legantaro pri sia eraro, Golden iniciatas

kampanjon kontraŭ Murgina „eltordo" de faktoj en lia libro „Progresemaj Momentoj en la Ideologio de L. L. Zamenhof, Sofio, 1985, eldono de BEA".

Jes, mi estas marksisto, ekde 1941, kiam USSR estis subite atakita, sed mi ne membras en iu ajn politika partio, kvankam en Bulgario funkcias kvin komunistaj, tri socialdemokrataj, unu socialista kaj kelkdekoj da aliaj partioj, unuiĝoj, aliancoj, movadoj.

Komence de 1979, d-ro D. Blanke diskonigis okazigon de Seminario pri Socipolitikaj Problemoj de Esperanto-Movado. BEA [Bulgara E-Asocio] anoncis tri partoprenojn: Alekseev pri Militoj Justaj kaj Maljustaj; Ĉoĉov pri Esperanta Kulturo; Mùrgin pri Progresemaj Momentoj en la Ideologio de L. L. Zamenhof. En novembro la seminario okazis. Iu esprimis deziron, ke mia prelego estu eldonita en libro. BEA sendis mian manuskripton al Hungario. Arpad Radkai, historiisto, skribis al mi, ke li rekomendis mian verkon por aperigo. Post monato, per BEA, la manuskripto revenis al mi. Fiasko!

Fine de 1984, BEA reprenis mian verkon (5 monatojn antaŭ ol aperis M. S. Gorbaĉov) kaj en 1985 ĝi aperis. Pro manko de papero la eldonkvanto apenaŭ atingis kelkcentojn da ekzempleroj. Granda parto estis vendita en Sofio. Al okcidento ne estis senditaj ekzempleroj por recenzo. Al socialismaj landoj oni ekspedis nur 8 ekzemplerojn (Moskvo, Prago, Berlino, Budapeŝto). Aperis 6 recenzoj, 5 pozitivaj kaj 1 negativa (en *Hungara Vivo* de jan 1988). Mi sendis replikon, sed *Hungara Vivo* ne aperigis ĝin. Iom poste ĝi aperis en *Internaciisto* julaŭg 91 sub titolo „Pri Manko de Modero en Ies Konsidero". Oni petis de mi ekzempleron kaj promesis ekspedi valoran libron. Mi ne havis por sendi, mi nenion ricevis.

Ĉu Zamenhof estas klasbatala? Jes, kelkajn fojojn jes! Ordinare, tamen, li estas tolerema, larĝanima, komune-homa, for de ĉikanulaj bagateloj. Komence de 1912, Zamenhof ricevis n-ron 1 de laborista gazeto *La Kulturo* eldonita en Prago. Li tralegis kaj spontane esprimis siajn kontentecon, esperon kaj kuraĝigon: „La apero de laborista gazeto en Esperanto ĉiam min tre ĝojigas, ĉar laŭ mia opinio por neniu la Lingvo Internacia kaj la esperantismo havas tiel grandan gravecon kiel por la laboristoj kaj por tiu ideo por kiu ili batalas." (*La Kulturo*, 1/1912) Plurajn aliaj ekzemplojn oni povus legi en mia verko.

Ĉu Zamenhof kaŝis sian hebreandevenon? Ke „kaŝado" ekzistis reale, sed nur en certa grado, pri tio ne dubas eĉ Golden. Li raportas ke G. Waringhien en enkonduko de libro *La Kaŝita Vivo de Zamenhof* (1978) „kategorie neas" la traktatan „kaŝadon". Li neas, sed N. Z. Maimon estas la plej granda kompetentulo pri la vivo kaj agado de Zamenhof. Kial tiu „antagonisma" paraleleco? Tiu duobleco aperas reale pro la du-aspekta ekzisto de la problemo: (a) Stato de „kaŝado" en la epoko dum Zamenhof vivis; (b) sen konsidero de „epokoj". La verko de Maimon, same kiel la libro *Halina-Dokumentoj* estis kaj daŭre estas neatingeblaj por ni, pli frue pro kontrolo kaj malpemreso kaj nun pro enorma inflacio. Tamen, el la subteno de Golden pri Waringhiena tezo de neado oni povas konkludi, ke temas pri faktoj, dokumentoj sen konsidero de la konkretaj cirkonstancoj.

Maimon parolas konkrete pri la epoko en kiu Zamenhof vivis. Nun, post apero de Zamenhofaj *Originala Verkaro* (1929), Leteroj en du volumoj (1948) redaktitaj de G. Waringhien, Leteroj (1975) redaktitaj de A. Holzhaus, eldonitaj volumoj de Ludovikito estas facil(anim)e aserti, ke Zamenhof „ne kaŝis". Sed en 1887 - 1889 nur Majnov sciis pri la poŝtkarto, ke Zamenhof estas hebreo. Zamenhof havis konkretan motivon. Li deziris eviti grandan skandalon: V. V. Majnov amikiĝis kun la prezidanto de Rusia Scienc-Akademio. Tiu konsentis, ke Majnov traduku lian dramon „Renaskita Manfred" (reviziita kaj redaktita de D-ro Esperanto); ĝi aperis en Nurenbergo 1891. La aŭtoro estas signita per inicialoj „K. R.". Apenaŭ iu sciis ĝis la jaro 1912, kiu kaŝis sin sub tiuj incialoj. Tiam (1912) estis iom levita la kurteno, sed ĉio denove dronis en forgeso. En marto 1881, komplot-terorisma grupo murdis caron Aleksandron 2an. La reĝan tronon de Rusio devis okupi la homo kun inicaloj K. R., sed li rezignis favore al caro Aleksandro 3a, preferante sciencan kaj literaturan verkadon. Temas pri Konstanteno Konstantenoviĉ Romanov, grandprinco de Rusio. Li sciis, ke en la terorisma grupo de nihilistoj unu estis hebreo. Kaj dekon da jaroj post la atenco (1891) aperis lia libro en Esperanto kaj redaktita de D-ro Esperanto. K. K. Romanov aprobis Esperanton starigitan de hebreo kaj permesis, ke tiu sama hebreo redaktu la manuskrpton. Pli ol cent jarojn tiu (duon)sekreto restis nekonata. Danke al tio skandalo ne okazis. Apud ĉiu poŝtkarto aŭ letero, en kiu Zamenhof anoncas propra-inciate pri sia hebreco, staris skandalo, kiun Zamenhof preventis, danke al sia klarvidemo. Kiu mensogas? Evidente Golden!

La nomoj *Eliezer* kaj *Motelev*

**Niaj ĵurnalistoj ofte estas senmezuraj. Sed feliĉe ili restas sencenzuraj alie ni ne festus sendiktaturaj.**

neniam estis uzataj de Zamenhof. Ili estas elpensitaj de Golden, kiu ne komprenis la esencon de la temo. (a) Jam en junaĝo: Leizer, Lazar, Ludovik (ĝis 1889); (b) poste dum deko da jaroj estas uzata nur la propra nomo Lazar. Fine de 19a jc. Zamenhof enkondukas la propran nomon Ludovik kiel duan: Lazar' Ludoviko. En 1910 ekuzas *nur* la nomon Ludoviko, kaj se estas la dua, ĝi okupas duan pozicion: Ludovik' Lazaro. Do post la jaro 1889: L. Z. = Lazar' Z.; L. L. Z. = Lazar' Ludoviko Z. En 1910: L. Z. = Ludoviko Z.; L. L. Z. = Ludoviko Lazaro Z. Certe Mordeĥai en karesa formo estas Motel.
La patra nomo de Zamenhof el karesnomo Motel ne povas esti Motel'ev. Se eventuale ĝi ekzistus, ĝi devus esti Motel'eviĉ. Kiu eltordas? Golden, sed ne Murgin.

## Broadribb malpravas

***Bernard Golden* skribas i. a.:**

Donald Broadribb, la redaktoro de la aŭstralia revuo, en kiu aperis la nun fifama artikolo de Stepanov, en sia letero (IĴ 3/93), provas purigi la aeron per detala priskribo de la cirkonstancoj rilatantaj al la publikigo en *The Australian Esperantist* de la du artikoloj, mia kaj tiu de Stepanov, kiuj naskis la diskuton. Li klarigas ankaŭ, kial li rifuzis aperigi mian rebaton kontraŭ la mistifika kalumnio elçerbigita de la moskvano. Mi kutime ne protestas antaŭ suverenaj redaktoroj, kiuj malakceptas miajn verkojn, sed senprokraste reenkovertigas ilin por proponado al aliaj redakcioj. Plimalpli frue mi sukcesas trovi lokon por ili, do nenio perdiĝas krom tempo kaj poŝtmarkoj. Tiel la rifuzita artikolo aperis en IĴ.
Mi deziras nun prikomenti unu frazon en la reago de Broadribb, ĉar ĝi montras, kiel danĝere estas fari asertojn neapogeblajn surbaze de profundaj personaj spertoj kaj solidaj faktoj. Broadribb surpaperigis jenajn vortojn: „Mi konas neniun en Aŭstralio kiu dubas aŭ volas kaŝi la judecon de la kreinto de Esperanto [...]" Ĉu vere?! Kiel povas esti, ke mi, kiu loĝas 16000 kilometrojn antipode de Aŭstralio, konas aŭstralianon, kiu vole prisilentas la veron pri la genta aparteneco de d-ro Zamenhof? La plej konsterna aspekto de la tuta afero estas, ke ankaŭ Broadribb konas tiun viron, ĉar li menciis lian nomon en niaj korespondaĵoj. Kiel atestaĵon mi prezentos parton de letero, kiun mi ricevis en 1987 de tiu aktivulo en la Esperantomovado sub la Suda Kruco.
Ĉe la kapo de la letero aperas la vortoj „Tre konfidence!!", kiujn la skribinto aperigis grandlitere per ruĝa plumo. Mankas la dato, sed la poŝtstampo sur la aerogramo indikas, ke ĝi estis enpoŝtigita la 13-an de aŭgusto 1987.

"Kara S-ro Golden!
Mi markis kun ruĝa inko, ke ĉi tiu letero estas TREEGE KONFIDENCA. Sendube vi ne konsentas kun mi, kaj vi tute rajtas, eĉ en artikolo en alilanda gazeto forte kontraŭkomenti kontraŭ miaj ideoj, kondiĉe ke vi NE menciu mian nomon [...]
En "Israela E-isto" vi skribis artikolon en kiu vi akre kritikas redaktorojn, kiuj per ellaso de 2 aŭ 3 vortoj kaŝas la "judecon" de Zamenhof. Vi eĉ nomas ilin "Antisemitoj".
Nu, mi devas konfesi, ke ankaŭ mi ellasas 2/3 vortojn kaj ne parolas pri "la juda okulkuracisto" aŭ "la juddevena aŭtoro de E.". Pro tio vi sendube nomus min ankaŭ esti "Antisemito"."

Ĉiuj emfazoj estas de la leterskribinto, plejparte tajpitaj per ruĝa rubando. La menciita artikolo aperis en *Israela Esperantisto* februaro, n-ro 95, p. 3 - 6. La sekvaj alineoj enhavas ekscese hontindan ofendegan kritikon kontraŭ la judoj.

Returnspoŝte mi respondis jene:

"la 26-an de aŭgusto 1987
Kara s-ro ----:
Mi ne emas okupiĝi pri la enhavo de via letero de la 13-a de aŭgusto, ĉar mi principe rifuzas debati kun anonimaj ombroj. Vi devas montri sufiĉe da kuraĝo por defendi viajn ideojn publike, same kiel mi faris. La unua paŝo estas verki artikolon por publikigo en Israela Esperantisto kaj nepre subskribi ĝin per via nomo."

En postaj leteroj mia korespondanto ne plu tuŝis la temon. Mi tre scivolas, kiel Redaktoro Broadribb reagos nun post la ĉi-supra rivelado.

Al Igorj Ŝimonov, kies letero same aperis en IĴ 3/93, p. 11 - 12, ne plaĉas, ke per miaj artikoloj mi trovis manieron inciti antisemitojn kaj judofobiulojn en la esperantista komunumo, por ke ili malkaŝu sian vizaĝon aŭ postaĵon, sed kiel demonstras la letero de la aŭstraliano, la procedo estas rezultplena. Ĉu tio ne estas okulfrapa atestaĵo pri la potenco kaj efikeco de la Esperanta ĵurnalismo? Ĉi-rilate estas ankaŭ tre instrudona analizo de la pretekstoj, kiujn donas redaktoroj, krom Broadribb, por provi pravigi sian rifuzon publikigi miajn artikolojn. Redakcio de Orienteŭropa lando sendis al mi la mornan informon, ke ilia komputero „formanĝis" la verkon, kaj poste ĝi ne estis rehavebla! Alia redaktoro el tiama komunisma lando en Orienteŭropo argumentis, ke la temo ne plu estas aktuala, malgraŭ tio, ke mia artikolo estis graveda je historiaj donitaĵoj ne facile troveblaj aliloke. Bonŝance Zamenhof inkludis en sia proverbaro jenan gemon de saĝeco: „La tempo ĉiam malkaŝas la veron."

## LINGVO

PROBLEMOJ
DEMANDOJ
KONSILOJ

---

### Nur kompost-eraro

**Reago al la kontribuaĵo „Kial troviĝas tiom da lingvo-eraroj?" de Bernard Golden (IĴ n-ro 4/93, p. 14 - 15).**

Kiel konstanta leganto de la ofte interesaj (kaj kelkfoje tedaj) kontribuaĵoj de akademiano Bernard Golden al diversaj Esperanto-eldonaĵoj, mi respektas liajn opiniojn, sed ne povas kaŝi mian iritiĝon, kiam li antaŭjuĝeme arogas al si la aŭtoritaton diveni intencojn kaj mankojn de aliaj verkistoj.
En la menciita raporto pri la vizito de kadetoj de la argentina mararmeo al Irlando, temas pri simpla komposteraro. Mi ankaŭ ridis, kiam *Monato* aperigis novaĵon laŭ kiu junaj maristoj faris fervojan vojaĝon trans la oceano. Mi kontrolis la kopion de mia orginala teksto, kaj konstatis, ke mi fakte tajpis „trejna", ne „trajna". Influo de la angla lingvo forestas, ĉar tiu ne estas la familia idiomo en mia hejmo, kaj mi skribis el la vidpunkto de homo, kiu - malgraŭ kelta nomo - naskiĝis en Sud-Ameriko kaj loĝis en Argentino, kie la hispana formo de la frazo estus „crucero de entrenamiento" (precipe sporta termino).
Pri diferenco inter krozo kaj krozado, la kritiko de s-ro Golden ŝajnas al mi iom pedanta. (Vidu komenton fare de s-ro Reto Rossetti pri simila harsplitaĵo, kiu aperis antaŭnelonge en *Monato*.) Ja, krozado estas preferata formo, sed laŭ Saussure (*La vort-teorio en Esperanto*): „la finaĵo o = 'kio ekzistas konkrete aŭ abstrakte'", kaj aldono de pliaj finaĵoj ofte estas pleonasma. Ĉu *ago, kritiko* ne havas la samajn signifojn (kvankam kun nuanco malpli daŭra aŭ malpli verbemfaza), kiel *agado, kritikado*?
En la sola zamenhofa priskribo de transoceana vojaĝo, kiun mi konas („El la poŝto", en *Fundamenta Krestomatio*), la aŭtoro uzas, laŭŝajne tute indiferente, la formojn „vojaĝo, vojaĝado, veturo, veturado". Kial ne, analogie, „krozo, krozado" (kies radiko supozeble ankoraŭ ne eniris la tiaman vortprovizon de Esperanto)?
Eble silento estas konsento, sed ĝi ankaŭ estas ORA.
Garbhan MACAOIDH

> **La homo estas kapabla por ĉio, kial ne ankaŭ por paco?**

### Refoje interpunkcio

En IĴ 4/93, p. 9 Stefan MAUL parolas pri sia ĝeno koncerne „la nekutiman lokadon de demandosignoj kaj dupunktoj kun spaco inter ili kaj la antaŭa vorto". Duafoje li parolas kiel germano, kaj François LO JACOMO havas plenan rajton fari tion: tio estas franca praktiko.
YAMASAKI Seikô, Japanio

**Komento de la red.:**
Certe estas franca kutimo, sed kiel francoj mem koncedas, la sistemo estas nelogika. Kial do balasti Esperanton, relative logikan lingvon, per franca nelogikaĵo? Tio estas la temo, kaj mi ne parolis kiel germano sed kiel esperantano.

---

### Lingvo-eraroj en *Internacia Ĵurnalisto*

Bedaŭrinde, malalta nivelo de lingvouzo konstatiĝas eĉ sur la paĝoj de la organo de TEĴA.
Krom la jam citita misuzo de *preseraro* anstataŭ *komposteraro*, ni menciu nur du pliajn ekzemplojn el IĴ n-ro 4/93:
1. „Eminagiante la premion en Valencio al redaktoro Andrzej Pettyn la reprezentanto de Oomoto, Yosimi Umeda, esprimis ĝojon pro la trafa atribuo de la premio..." (p. 10, kol. 1)
2. „Ŝajnas, ke la de B. Golden proponita termino *brodkasti* instaliĝas en Esperanto." (p. 16, kol 1)

**Komentoj:**
1. (Estas evidente, ke ĉi tie ne temas pri komposteraro, ĉar eraroj fare de kompostistoj estas tuj rekoneblaj.)
Eminagiante ne estas ĝusta Esperanta vorto, sed pseŭdo-Esperantigo - aŭ de la angla verbo eminagiate = „eminentigi dum naĝado" *) - aŭ de pluraj japanaj vortoj, nome: e (bildo); minami (sudo); gi (afero); ano (tiu) kaj ate (fido).
2. Se oni decidus akcepti ĉi tiun barbarismon, la sola logika formo estus ne brodkasti sed brodkastadi (komparu krozi - krozadi), ĉar radio-dissendado estas daŭra aŭ ripetata ago (aŭ agado). Tamen la ĝusta signifo de la radiko brodkast/ estas „hinda hereda klaso, kiu kutime portas, ŝatas aŭ faras brodadon (aŭ brodon)".
Uzado (aŭ uzo) de la verbo brodkasti kiel radio-termino estas sklaveca imitaĵo de la angla *broadcast*, kiu signifas „disĵeti surteren (semon, panon, nepetatajn konsilojn ktp.)".
Kore salutas
Bernazo Geldbengo
alinome Garvan Makaj'

Postskribo
Trajnoj (aŭ trejnado) apenaŭ ekzistas en mia lando.

*) En tiu kunteksto, la aŭtoro supozeble aludas al plaĝo apud Valencio.